**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

ENHAVO

La kovrilo: Bildo de la kovrilo de la turisma broŝuro en Esperanto, eldonita de la Ministerio pri turismo



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2° 4°
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
P° de la Constitución 35, 4°
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2° izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3° P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
(Vakas)

# ANTAŬ LA CENTJARA JUBILEO DE ESPERANTO (1887–1987)

De kiam la 27-jara Ludoviko Lazaro Zamenhof eldonis en Varsovio la Unuan Libron (26.7.87) de la lingvo internacia de d-ro Esperanto, jam forpasis jarcento. Tio estas longa tempo laŭ daŭro de homa mezuro, sed malmulte, preskaŭ nenio, laŭ historia tempo. Tamen en la lastaj cent jaroj la historiaj eventoj tiel akceliĝis, ke nenion oni povas certigi pri la historia malvolviĝo de la venonta jarcento. Antaŭ cent jaroj oni ne spertis la unuan tutmondan militon, nek la duan, nek povis antaŭvidi la eksterordinaran malkovron de la atoma kaj nuklea energioj. La nuntempo estas graveda tiel same je neniam antaŭvidita prospero en nova civilizacio, aŭ kontraŭe, je civilizacia disfalo en ĝenerala atommilito.

Dum la lastaj cent jaroj aperis kaj malaperis multaj ideologioj, formortis multaj amataj tradiciaj moroj. Ĉu por la bono, ĉu por la malbono, la ordinara nuntempa vivo estas tute diferenca de tiu de la deknaŭa jarcento. Aperis la aŭtomobilo, la aviado, la radio, la televido, ktp., ktp., tamen multaj pasintaj romantikaj revoj malaperis kiel somera sonĝo. La vivo nuntempe fariĝas timoplena kaj serioza. La grandaj idealoj, krevas kiel sapvezikoj, bobeloj lasante nenion.

Ni retroiru cent jarojn! En Varsovio, malriĉa okulkuracisto, tute modesta laŭ rimedoj, sed tre ambicia laŭ idealoj, eldonas libreton pri planita internacia lingvo celante ke, "Sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian. La popoloj faros en konsento, unu grandan rondon familian".

Ĉu pro la kvalito de la lingvo internacia, ĉu pro la paca mesaĝo, ĉu pro la forta genieco de Zamenhof kreinto de la lingvo, ĉu pro la ankoraŭ pli forta genieco disvastigi ĝin, Esperanto konkeris sufiĉan intereson kaj disvastiĝon por ke en 1905 en Boulogne-sur-Mer povu okazi la Unua Esperanta Kongreso. La afero lingvo kaj la afero disvastigado entreprenis tiam sian persistan antaŭeniradon. Nek la intencoj enkonduki aliajn lingvojn kiel internaciajn, nek la proponoj de reformemuloj sukcesis bari la progresadon de Esperanto. Laŭlingve la planita lingvo de d-ro Esperanto ne havas kvalitan konkuranton. Nun la esperanta literaturo estas vasta kaj altnivela. Per la lingvo Esperanto oni povas precize kaj multnuance esprimi la plej profundajn sentojn kaj pensojn en la fako literatura kaj tiel same en la scienca kaj teknika. Krom tio ĝi estas pli facila ol kiu ajn el la nomataj naturaj kaj aldone ĝin estas belsona.

La lingvo Esperanto hodiaŭ sukcesas: estas agnoskita de UNESCO mem, ĉar ĝi "notis la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de la internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj por la proksimigo de la popoloj" kaj rekonis, "ke tiuj rezultoj respondas al la celoj kaj idealoj de U.N.E.S.C.O", kaj la pasintan jaron okazis la 71a Universala Kongreso kaj la Ministerio pri turismo eldonis belan turisman broŝuron por la Jubileo de Espeıanto.

Fronte de la eksterlanda disvastigo de la naciaj lingvoj de la grandaj potencoj, kiuj neniam pro sia partieco povos libere fariĝi tutmondaj, Esperanto staras kiel la neŭtrala lingvo alpreminda de la tuta homaro.

Jam forpasis cent jaroj. Historiaj eventoj leviĝis kaj malleviĝis, kaj forfalis laŭŝajnaj eternaj konstruaĵoj, dume Esperanto persistas, kreskas kaj divastiĝas. Antaŭaj romantikaj idealismoj povas formorti pro senbazaj sentimentalecoj, sed nuntempe, en mondo tiel malgrandigita, materie fariĝinta unuaĵo, la lingvo Esperanto aperas, kiel nepre necesa kaj ĝia mesaĝo kiel unuigilo por nova civilizacio.

En la venonta aprilo la HEF-anoj kongresos en Madrido por la centjara jubileo de Esperanto. Tio estas gravega okazaĵo nur revidebla po cent jaroj. Sur la sojlo de la dua jarcento de Esperanto la irota vojo aperas luma kaj certa la plena triunfo antaŭ la dua jubileo. Kun tia entuziasmo ni ĉeestos en Madrido la Kongreson por publike festi la centjarecon de Esperanto kaj atentigi, ke ĝi estas la solvo de la tutmonda babelo kaj krome neforgesebla perilo por nova civilizacio en paco.

**Giordano Moya**

---

# NEKROLOGO

---

José Pastor Torregrosa, 70-jara, mortis en NOVELDA (Alicante) la 20-11-86. Esperantisto ekde sia junaĝo. Dum multaj jaroj li gvidis Esperanto-kursojn. Aktiva esperantisto, kiun ni ofte vidis en niaj regionaj renkontiĝoj, naciaj kaj internaciaj kongresoj.

Amikan kondolencon al liaj edzino kaj familio.

* * * * *

Lastan Novembron en Madrido forpasis, post tre longa malsano, s-ro Angel Gansó, fervora esperantisto, fondinto de Esperanto-Grupo por emerituloj kaj eksprezidanto de Madrida Esperanto-Liceo.

# NIAJ GRUPOJ

**MADRIDO**

Madrida Esperanto-Liceo. Atocha 98. 28012 Madrid, sendos la afiŝon de la Jubilea Kongreso kontraŭ 50 p-toj. aŭ egalvaloraj poŝtmarkoj.

JUBILEA KONGRESO – HONORA KOMITATO. Lastatempe aliĝis al la Kongreso la jenaj eminentuloj: Felipe González, Ĉef-ministro; Felix Pous, Prezidanto de la Parlamento; C.J. Cela, membro de la Lignva Akademio (Real Academia Española) kaj mondfama verkisto, kies patro estis esperantisto.

**VALENCIO**

Dum la esperanta kongreso, kiu okazis en Sevilla en 1984, Mariam konis ĉarman pentriston. La pasintan 20an de julio oni fertis laggeekziĝan kunligon, en la ermitejo de la "Rocio" en la urbeto Almonte (Huelva), de la ĉarma fraŭlino Mariam Sarrió kaj Muñoz, animo de nia Esperanto-Grupo, kun la prestiĝa kaj konata artisto, laŭreata internacie, katedra profesoro de la instituto "Velázquez" de Sevilla, d-ro Rodolfo Abad kaj Lechosa.
Valencia Esperanto-Grupo deziras, ke ili estu feliĉaj.

* * * * *

La pasinta 25an de majo, kun ĉeesto de multaj amikoj kaj kolegoj, okazis tagmanĝo en hotelo "Astoria Palace" en nia urbo, kie estis laŭde donita al nia estimata samideano José Fernando Soler Sempere, la Ora Medalo 1985 de la Oficiala Kolegio de Sub-kaj Teknikaj Arkitektoj, kiel kolegia rekono pro lia honora profesia laboro. Nia Valencia Esperanto-Grupo gratulas samideanon Soler pro la ricevita, meritita omaĝo.

**ANDALUZIO**

La Konsilantaro pri Sano kaj Konsumado de "Junta de Andalucia" eldonis triptikon pri "Puraj Plaĝoj kaj Maro de Sano" kun la devizo: "Ni savu la dunojn de Marbella", en la lingvoj hispana, esperanta, germana kaj angla. Konvena kvaropo por estonta duopo!

**VIGO**

S-ro Julio Bueno informas nin ke la urbestraro de Vigo en la pasinta kunveno tagon 9an de decembro, decidis nomigi straton ESPERANTO. Baldaŭ ni informos pri la dato de la inaŭguro.

# NIAJ GRUPOJ

## GIRONA

Ĝirona Espero iniciatis vastan propagandon pri Esperanto sub la moto "La Esperantista Kamero de Esperanto – Grupo Ĝirona Espero". Ili per farbo aperigis murpentritajn afiŝojn pri Esperanto en diversaj urboj el la Ĝirona provinco: Caldes de Malavella, Olot, Banyoles, Llagostera, kaj en Ĝirona mem en Placo Eŭropo kaj strato Jaŭme 1a. La urbestraroj de Ĝirona, Banyoles, Olot kaj eble aliaj pliaj, subvenciis la farbon de la respektivaj murpentraĵoj.




La plej aktiva E-Asocio ornamis la urbojn: Banyoles, Llagostera, Ĝirono, Olot kaj Caldas de Malavella pere de belaj murafiŝoj.

## SEVILLA

ACADEMIA SEVILLANA DE ESPERANTO komencis la 2an de oktobro la ĉijaran esperanto-kurson. Ĉirkaŭ 15 gelernantoj ĉeestis la unuan klason. Instruas la kurson s-ano Antonio Rodríguez. Raportis pri la okazaĵo, ĵurnaloj, radiostacioj kaj la regiona televizio "TELESUR".

## GUADAMAR

**Renkontiĝo de sudorientaj Esperanto-Grupoj.** La Grupoj de Callosa, Alicante kaj Murcia kunvenis la 7an de septembro en Guadamar. La samaj Grupoj kunmemoros la Zamenhof-tagon en la urbeto Monteagudo. Sub la foto la kunvenantoj sub la pin-ombro.

# NIAJ GRUPOJ

## CORDOBA

La Kordova Esperanto-Grupo kontaktis kun la ĵus-naskita Kordova Klubo de Geamikoj de UNESKO kaj tio ebligos al ni disvastigi pli efike la lingvon. Baldaŭ ni havos la sidejon en centra parto de la urbo kaj disponos sufiĉan oficialan monhelpon por nia agado.

**Esperanto en la radio.** — Okaze de la novaj streboj de la Kordova Esperanto-Grupo jam ekzistas radio-programo pri Esperanto en ĉi tiu andaluzia urbo. Jes ja temas pri la programereto "La lingvo sen landlimoj" ĉe Radio Lupa MF 94 Mhz, sabate matene de la 12a ĝis la 12'20a horoj.

En la nunjara kurso oni instruas Esperanton en la Institutoj de Bachillerato "SÉNECA", "LÓPEZ NEYRA" kaj "AVERROES"; la "Escuela del Magisterio", kaj la "Club de Amigos de UNESCO".



## SANTA COLOMA DE GRAMANET

Pro la demarŝoj de "Secció Esperanto C.E.P. de Santa Coloma de Gramanet, la urbestraro de tiu urbo eldonis triptikon en kataluna kaj esperanta lingvoj. Ĝi enhavas prezenton de la urbestro pri Esperanto kaj sciigoj pri la urbo.

## SABADELL

"**ASSOCIACIÓ CULTURAL ESPERANTISTA**" (= Kultura Asocio Esperantista) KAE, socio el kataluna teritorio kun sidejo en Sto. Montseny 5 Sabadell, organizinta la SAT-Kongreson en Sant Cugat, aperigis la duan numeron de sia inform-folio aŭ bulteneto. Inter ĝiaj baldaŭaj kulturaj aktivaĵoj estas anoncita la starigo de propra KURSO de Esperanto per korespondado. Jarkotizo: 300 p-tojn.

# 47a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## URBESTRA SALUTO

Esperanto estas ne nur helpa lingvo; ĝi estas idealo, espero kaj movado por unueco kaj kompreno inter homoj pere de komuna lingvo.

Se lingvoj aú idiomoj estis iel diferenciga kaj disiga faktoro inter kulturoj kaj landoj, kaj ne malofte kontribuis al naciismoj kaj diskriminacioj, Esperanto, anstataŭ disrompi kaj dividi, unuigas kaj, anstataŭ ĉirkaŭmuri kaj izoli kulturojn, disvastigas kaj proksimigas ilin.

Esperanto ne povas elveki kontraŭstaron. Ĝi ne peras submetiĝon profite al ajna ĉiopova disvastiĝanta Kulturo. Simple ĝi estas nova universala lingvo naskiĝinta el universala kulturo, kiu bezonas komunikadon kaj kompreniĝon inter malsamaj popoloj kaj nacioj.

Tio estas Esperanto, komuna kaj necesa ilo por reciprokaj proksimiĝo, fratiĝo kaj kompenso.

Madrido, universala kaj malferma, ĝojas esti la sidejo de ĉi tiu Jubilea Kongreso kaj deziras al vi agrablan kaj fruktodonan restadon inter ni.



### LOĜADO

LKK ne peras la hotel-mendojn de la kongresanoj, sed nur informas ĉilastajn pri la loĝ-eblecoj el la ĉefurbo dum la kongresa periodo. Sekve, ĉiu kongresano devos rekte rezervi sian loĝadon ĉe la elektita hotelo aŭ pensiono, sen interveno nek respondeco de LKK.

En Madrido oni povas trovi ĉiuspecajn tranoktejojn en centoj da hoteloj, hoteletoj kaj pensionoj. La kongresanoj trovos plenan liston da ili en la libro "Guia oficial de hoteles", eldonita en la Ministerio pri Transportado, Turis-

mo kaj Komunikado, aŭ povos peti liston de la Patronato Municipal del Turismo, Sres. de Luzón 10, 28013 Madrido, aŭ povos simple konsulti la Madridan laŭkategorian telefon-libron.

Por helpi la kongresanojn, LKK indikas ĉi-sube kelkajn hotelojn kaj pensionojn, kiuj situas relative proksime al la kongresejo aŭ estas ligitaj al ĉi-lasta per rekta metroa linio. Aliflanke, ĉar la madrida kongresejo ne koincidas kun la somera universitata libertempo, la universitataj studentaj loĝejoj ne estas lueblaj en tiu periodo: tial, LKK kun bedaŭro ne povas proponi al la partoprenantoj malmultekostan komunan loĝejon.

| **Hoteloj** | **Prezoj por ĉambro** | |
|---|---|---|
| | Dulita | Unulita |
| (4 steloj) | | |
| – BRETON, s/Bretón de los Herreros, Tel. 4428300 (je 5 minutoj de la kongresejo) | 6.500 | - - - - |
| – LAS ALONDIAS, s/José Abascal, 8, Tel. 4474000 (sama distanco kiel supre). | 7.500<br>8.500 | 6.800<br>6.000 |
| (2 steloj) | | |
| – HR BALTIMORE s/ Bravo Murillo 160, Tel. 2348000; 25 ĉambroj (je 15 minutoj de la Kongresejo: rekta metroa linio). | 3.600 | 2.850<br>(3 litoj 4.850) |
| – FRANCISCO 1, s/Arenal, Tel. 2480204 (je ĉ. 5 minutoj de Puerta del Sol: rekta metroa linio) | 3.700 | - - - - |
| – LONDRES, s/Galdo 2, Tel. 2314105 (je ĉ. 2 minutoj de Puerta del Sol: rekta metroa linio) | 4.250 | |
| (1 stelo) | | |
| – EUROPA, s/Carmen 4, Tel. 2212900, (je ĉ. 1 minuto de Puerta del Sol: rekta metroa linio) | 3.400 | |
| **Apartamentoj** | | |
| – VILLAMAGNA, Placo Ciudad de Viena, 6, Tel. 2546600 – 2547600 (la aŭtobuso 45 atingas la kongres.) | 4.870 | 3.870 |

| | | |
|---|---|---|
| – SILVER BRICH, s/Vargas, 3-5 Tel. 4412500 (je 5 min. de la kongres.) (min. 3 tagoj) | 10.500 | - - - - |

**Malmultekostaj loĝejoj, sen propra banĉambro**

| | | |
|---|---|---|
| – HOSTAL ALMANSA, s/Almansa 12, Tel. 2333038 (je ĉ. 10 min. de la kongresejo) | 1.100 | 800 |
| – PENSION OCTAVIO ALVAREZ, s/Almansa, 6, Tel. 2534559 (sama distanco kiel supre) | 1.800<br>2.000 (kun propra banĉambro) | - - - - |
| – PENSION AYCAGAS, s/Hernani 9, 4°, Tel. 2534094 (sama distanco) 13 ĉambroj | 1.200 | 800 |
| – PENSION PAPAY, s/Hernani 9, 4°, Tel. 2535035, (sama distanco) 11 ĉambroj | | |

---

## NOTOJ

La Revuo PSN (Previsión Sanitaria Nacional) publikigas la artikolon "EL ESPERANTO, un intento de solución" subskribitan de José Luis Dávalos. Ĝi estas grava artikolo pri la lingva problemo, Esperanto kaj ĝia historio, tamen Esperanto ne estas provo de solvo, sed la solvo de la internacia lingva problemo.

Tri novaj esperantaj gazetoj ĵus aperis: "La Kordova Esperantisto", gazeto de la Grupo de Esperanto de Kordovo; KAE, organo de Kultura Asocio Esperantista, asocio el Kataluna areo kun sidejo en Sabadell; kaj Eŭropa-Unio, eldonata de Hispana Esperanto-Instituto, en Barcelona.

PANDEMONIO estas la nomo de grupiĝo de junaj hispanaj verkistoj, kiuj verkas originale en Esperanto. La unua eldonota libro, nun presata, estas subvenciita de nia Andaluza Esperanto-Unuiĝo (A.E.U.) kaj enhavas 18 verkojn de 6 aŭtoroj (Alberto Franco, F. Ksavero Moleono, Mª José Kesada, Mikael-Anĝelo Sanĉo, Rikardo Albert kaj Georgo Kamaĉo). Menciiende estas, ke kvar el la verkoj estis premiitaj en "Belartaj Konkursoj" de UEA, en la jaroj 1985 kaj 1986 respektive.

# PREMIO KLARA SILBERNIK

Ĉar pro konfuziĝo enŝteliĝis malĝustaĵo pri nomoj en la tiurilata kongresraporto, aperinta en la 8-a paĝo de la lastnumera "Boletín", ni ĝustigas la koncernan tekston jene: "La nunjaran PREMIO-n KLARA SILBERNIK oni aljuĝis al s-ino Rufina Cano, vidvino de la karmemora kaj bonkora esperantisto s-ro Miguel Manteca".



Aldone ni diru pri s-ro Manteca, ke lia forta personeco, prestiĝo kaj altruisma entuziasmo fariĝis tre pozitivaj por nia Esperanto-Movado, kaj danke al lia menenateco estis ebla la eldono de la verko "Don Kiĥoto de la Manĉo" en Esperanto.

Kiel sciate, en pasintaj jaroj ricevis tiun Premion la edzinoj de aliaj distingindaj esperantistoj, inter ili la vidvino de la neforgesebla d-ro Herrero.

**V. Hernández Llusera**
**Sekretario de la "Premio Klara Silbernik"**

# HEF – SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ:** Antonio Valén Fernandez, María Angeles Planellas, Daniel Moreno Tinajero, Antonio Rodríguez, Angelina Serrat Toca, Francisca A. Antúnez, Institud de Batxillerat Castelldefels, Douglas B. McClure, Juan Nieto Egea, Josep María Serrano, Josep Colome Claverol kaj Josep Hernandez.

**PLIAJ DUMVIVAJ MEMBROJ:** María Pi Maynar, Cesar de Manteyrin, Krystyna Krause de Goralsky, Miguel Gutiérrez Adúriz kaj (KAE) Kultura Asocio Esperantista el Katalunio.

La HEF estraro dankas ĉiun novan Dumvivan Membron por lia subteno kaj fido en la estonteco de nia Federacio.

Pro la altiĝo de la kotizo de nun nova periodo komenciĝas ĉar la kotizo de D.M. por la jaro 1987 estas 30.000 pesetoj. Ni estas certaj ke altiĝo ne baros la aliĝadon de Dumvivaj Membroj, unue por la CENTJARA DATREVENO DE ESPERANTO, due por la intensa eldonado kaj laboro kiujn ĉiu fako kaj departamento de HEF, faros dum la jubileo de Esperanto.

**AVIADILA KARAVANO AL VARSOVIO 1987 POLLANDO**

Oficiala agentejo: VIAJES IBERIA, Rambla Estudios, 130
08002 BARCELONA, Tel. 317 93 20

**OFICIALA PERANTO DE LA 72a Universala Kongreso de Esperanto**

S-ro Juan Azcuenaga Vierna, General Dávila 127 portal 2° izda.
39007 Santander, Cantabria. (Ĉefdelegito de UEA).

La HEF-estraro, plenumante la decidon de VIGO, rilate la organizadon de aviadila karavano al la 72a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio, en 1987 JUBILEA JARO, proponas al vi la jenajn vojaĝojn.

a. MADRIDO–VARSOVIO, Varsovio-Madrido ...... 47.500 p-tojn
b. BARCELONO–VARSOVIO, Varsovio-Barcelono .. 42.500 "
c. Duopa ĉambro, duona pensiono dum 11 tagoj
   Hotelo UNUA KLASO ........................ 61.300 "
   Altnivela Hotelo FORUM ................... 76.700 "
d. Tago de la eliro, 22a de Julio (Merkrede)
e. Tago de la reveno, 2a de Aŭgusto (Dimanĉo)
f. La prezoj de la Hoteloj (61.300 kaj 76.700 p-toj) ne inkluzivas la jenajn aferojn: ekskursoj, kulturaj vizitoj, bankedo, nek la aliĝo al la Kongreso, kaj aliaj pagendaj aferoj.

g. Tial ke ekzistas, tre malaltaj kotizoj por la aliĝo al la 72a U.K., **dum** la dua periodo, kiu finiĝos al 14an de Majo ni konsilas al vi aliĝi nun, laŭ la jenaj kategorioj:

| | |
|---|---|
| Individua membro de UEA .............. | 12.600 p-tojn |
| NE individua membro de UEA ............ | 15.200 " |
| Kunulo/junulo/handikapulo individua membro de UEA ............... | 7.600 " |
| Kunulo/junulo/handikapulo NE membro de UEA .................. | 10.100 " |

**KLARIGOJ.** Por la esperantistoj, kiuj deziras profiti la kotizojn de **individuaj membroj**, povas aliĝi al UEA kiel (MG) nur 480 p-tojn. Oni elektis, kiel elirtagon la 22an de Julio por ke la karavanoj povu partopreni en la **KOMITATAJ KUNVENOJ DE UEA.**

**ATENTIGOJ** Nepre sendu vian aliĝilon kaj kotizon al Universala Esperanto-Asocio. Nievwe Binnenweg. 176 NL-3015 BS-Rotterdam. Nederlando.

Aviadila Karavano, kontaktu la oficejon VIAJES IBERIA. Ni informas ke nepre oni devas mendi kune, la aviadilan vojaĝon kaj la duonan pensionon dum 11 tagoj. Ekzemple: Eliro de Barcelono 42.000 p-toj kaj hotelo unua klaso 61.300 p-toj, entute estas **103.800 p-toj, por unu persono.**

---

## INTERNACIE

79a FRANCA KONGRESO DE ESPERANTO – Dum Pentekosto 1987 de la 5a ĝis la 9a de junio. Korespondadreso: ESPERANTO. Tour Vadon A. F 83700 SAIN–RAPHEL.

KULTURA ESPERANTO–DOMO, GRÉSILLON F–49150 BAUGÉ organizas por 1987, de aprilo ĝis aŭgusto, interesajn kulturajn aranĝojn. Skribu al ĝi petante informojn.

INTERNACIA–PROPAGANDA BICIKLADO TRA EŬROPO por atingi Jubilean Universalan Kongreso en Vassovio – Informas: Jorgos 12, Pl. Picasso. F–66400 CERET.

# FINANCA RAPORTO DE HEF 1986

**ELSPEZOJ**

| | |
|---|---|
| Pago de 5 eldonoj de BOLETIN | 451.176 p-toj |
| Luado sidejo, telefono, ktp. | 71.000 " |
| Korespondado, rembursoj, presaĵoj | 101.241 " |
| Asociaj kotizoj al Universala Esperato-Asocio kiel landa sekcio | 47.032 " |
| HEJS-Subvencio | 16.000 " |
| Entute: | 686.449 p-toj |

**ENSPEZOJ**

| | |
|---|---|
| Kotizoj, Loterio, 45a HKE | 698.344 p-toj |
| Donacoj | 46.272 " |
| Gajno de la LIbroservo | 45.000 " |
| Entute: | 789.616 p-toj |

FAVORA SALDO: 103.167 pesetoj

**KAPITALO:**

| | |
|---|---|
| Favora saldo jaro 1985 | 5.241 p-toj |
| Favora saldo jaro 1986 | 103.167 " |
| Entute: | 108.408 p-toj |

## DEZIRAS KORESPONDI

14—jaraĝa knabo, kiu kolektas poŝtmarkojn, poŝtkartojn, monerojn
SILVAN MUGLIETTE
7, st. Theresa Street
GHAXAQ (Malta)

# HISPANA ESPERANTO–FEDERACIO KUNVOKILO DE LA ĜENERALA KUNVENO

Laŭ la artikolo 25a de nia statuto oni kunvokas la Ĝeneralan Kunvenon de HEF ene de la 47a Hispana Kongreso de Esperanto en Madrido, la tagon 18an de aprilo je la 16a horo, en la salono de la kongresejo "Supera Lernejo por Min-inĝenieroj" de Madrido, strato Rio Rosas, apud Castellana.

1a. Legado kaj aprobo de la akto de la antaŭa ĝenerala kunveno.
2a. Legado kaj aprobo de la sekretaria raporto.
3a. Legado kaj aprobo de la financa raporto.
4a. Propono pri altigo de la HEF-kotizoj.
5a. Proponoj pri urboj por la estontaj hispanaj kongresoj.
6a. Sukcesoj kaj malsukcesoj de la agadplano, aprobita en Kartageno (1985) por la periodo, ĝis la 47a Kongreso en Madrido. Vidu agadplanon HEF-bulteno n-ro 271, paĝo 11.
7a. Agadplano por la periodo 1988 ĝis 1989
8a. Demandoj. Sugestoj. Proponoj.

**La Hef-Sekretario**
**Víctor RUIZ**

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

18–jaraĝa studento pri ekonomio, kiu interesiĝas pri sporto, fotoj, bildkartoj
ALI FALLAHI
Lakan Shokri
Foroshgahe Fallahi
RASHT 41456 (Irano)

18–jaraĝa junulo
HASSAN DELAVAR
Gate Lakan the end alley Hamid Bayani no. 39
RASHT 41456 (Irano)

12–jaraĝa knabo, kiu interesiĝas pri futbalo kaj poŝtmark-kolektado
ALI ZAIDMORADI
Aĝabŝir
PADEGAN–ARŜADI (pĉk. 5)

## ANTAŬ LA 100–JARA JUBILEO DE ESPERANTO
## –OPINIOJ–
## 3

La influo de la lingvo estas grandioza en la socio. La lingvo unuigas la homojn, sed ankaŭ izoligas ilin.

Ofte la homoj grupiĝas laŭ la uzata lingvo, la nomata gepatra lingvo kunigas ilin, sed samtempe, kiam ili grupiĝas ankaŭ ili apartiĝas de aliaj gentoj, kiuj parolas malsaman lingvon. Nu, pro la lingva diverseco naskiĝas la naciecoj kaj ofte okazas kvereloj inter la diversaj naciismoj, devenantaj tre ofte de la lingva problemo.

Ĉiam oni aludas al tiu aŭ al alia kulturo malvolviĝinta sur tiu aŭ alia lingvo. Kvankam la vero estas, ke ĉiu kulturo estas tre simila. Varias la kutimoj, gustoj kaj tradiciaĵoj. Ĉiuj kulturoj baziĝas sur la diversaj branĉoj de la artoj kaj ilia interpretado. Sed kiam la lingva problemo eniras la kulturon, la afero tuj akiras alian karakteron, ne ĉiam konvenan por la grupo al kiu apartenas la menciita kulturo. Ofte la lingvaj grupoj, precipe tiuj minoritataj, tiom deziras gardi sian kulturon, ke ili izoliĝas en si mem. Vi imagu artiston araban kaj artiston kristanan, ambaŭ deziras esprimi sian pacdeziron pere de sama pentraĵo, ili realigis la saman pentraĵon, kies signifo estas identa, sed ĉiu metis aŭ aldonis specifajn karakterojn de sia propra kulturo. Nu, la kulturo restis la sama por ambaŭ artistoj, ĝi estis la pentra arta branĉo. Nur variis la stilo, kaj la tradiciaĵoj devenantaj de la propra kulturo. La rolo de Esperanto estas kunligi ĉi tiujn esprimojn de la kulturo en la internaciaj rilatoj. Tio evidente alproksimigas la popolojn, kiuj ofte sin rigardas kiel malamikojn pro la fakto, ke ili parolas malsaman lingvon.

Alia tasko de Esperanto en la lingva problemo estas eviti la hegemonion de kiu ajn lingvo sur la aliajn. Nia slogano "ĉiu kun sia lingvo, kaj Esperanto por ĉiuj" estas perfekta. En tiu tereno, Esperanto havas multon direndan. La lingva hegemonio ofte kunportas la submetiĝon de la popoloj, ne nur en tiu faceto, kiu rilatas strikte al la lingvo, sed eĉ en tiuj facetoj ekonomia, teknika kaj politika. En ĉi tiu angulo de nia lukto, Esperanto troviĝas ankoraŭ en la komenco. Ni devas eviti al la homaro tiun ĉenaron, kiun oni ĉirkaŭmetas kun tiom da senutilaj elektronikaj aparatoj, kiuj venas kompliki la sistemon de rekta kaj homa komunikado, kaj krome ĝi estas ekonomia ŝarĝo sub la hegemonio de la lando produktanta tiujn maŝinojn. Mi ne bezonas ĉi tie skribi pri la perfekta komunikado en niaj internaciaj eventoj, ĝi ja estas sufiĉe konata de ni ĉiuj. Tamen ni devas adaptiĝi al la teknika progreso kaj tio fariĝas urĝa se ni ne deziras maltrafi la trajnon de la moderna epoko.

**Luis Serrano Pérez**

## PRAKTIKU ESPERANTON PER KORESPONDADO

### PARALELE

Ekzemplo de traduko dulingva destinita por novaj gekursanoj, kiuj deziras praktiki la lingvon Esperanto per korespondado:

Fraŭlino Julieta Bardy
Budapeŝto (Hungarujo)

Distinginda esperantistino!
Mi trovis vian adreson en "Boletín", organo de la Hispana Esperanto-Federacio, de kiu mi estas individua membro.

Mi estas tre kontenta, se vi akceptus korespondi kun mi, tial ke la folkloro de via bela lando min logas multege.

Mi havas 20 jarojn kaj laboras kiel oficisto en granda komerca entrepreno. Min interesas ĉiaj sportoj, krom la literaturo, muziko popola kaj folkloro.

Tre volonte mi komplezos, vian deziron interŝanĝi poŝtmarkojn, ĉar ankaŭ la filatelo min interesas multe.

Esperante ke vi akceptos mian peton, kaj baldaŭ respondos ĉi tiun poŝtkarton, kore vin salutas

V.H.Ll.

Sabadell, la 1-an de februaro de 1985-a.

NOTO: Tiuj, kiuj deziras ricevi iun lingvan klarigon pri tiu ĉi teksto, povas peti ĝin al la redaktoro de tiu Sekcio:

### PARALELAMENTE

Ejemplo de traducción bilingüe destinado para nuevos cursillistas que desean practicar la lengua Esperanto por correspondencia:

Señorita Julita Bardy
Budapest (Hungría)

Distinguida esperantista!
Encontré tu dirección en "Boletín", órgano de la Federación Española de Esperanto, de la que soy miembro individual.

Estaría muy contento, si aceptaras corresponder conmigo, puesto que el foklore de tu bello país me atrae muchísimo.

Tengo 20 años y trabajo como oficinista en una gran empresa comercial. Me interesan toda clase de deportes, además de la literatura, música popular y folklore.

De muy buena gana complaceré tu deseo de intercambiar sellos, ya que la filatelia también me interesa mucho.

Esperando que aceptarás mi petición, y pronto responderás a esta postal, cordialmente te saluda

V.H.Ll.

Sabadell, a 1° de febrero de 1985.

NOTA: Aquellos que deseen recibir alguna aclaración lingüística acerca de este texto, pueden pedirla al redactor de esta Sección:

V. Hernández Llusera — Avda. Onze de Setembre, 59
SABADELL — Hispanujo

Oni dankos la sendon de afranko por la respondo.

Se agradecerá el envío de franqueo para la respuesta.

POEZIA ANGULO

## ĈERNOBILO

Estis Ĉernobila tragedio:
En malproksima Ukraino
veneniĝis monda medio –
ekploris beboj kaj patrinoj.

Flugis nubo el apudo de Kijovo
– malhela, terura kaj venena –
al Eŭropo kaj tra Krakovo –
falis danĝeraj gutoj de ros'matena.

Minacadas la nubaro
ĝis nordo kaj ĝis Svedio.
Ektimiĝis tuta homaro –
kaj petis helpon de Dio.

Tiel profetis la apokalipsa Johano,
per anĝela trumpet' la tria,
kiu absinton ĵetis sur mondanoj –
tia estis la volo Dia.

Atentaj Svedoj kiel unuaj
per multaj siaj "gajgeroj"
danĝeron avertis al ĉiuj aliaj
pri la radiado en freŝa aero.

Jodo, stroncio eĉ plutonio
minacas nin, ho teranoj!
Ne permesu, bona Dio,
ekstermon de niaj familianoj!

Ĝi estas stranga avertaĵo
pro niaj pekoj kaj malbono;
ĝi estu la lasta eventaĵo,
kiu detruos globon ĝis triono.

Do, karaj samideanoj,
ĉion konsideru tre grave:
Enviciĝu tuj al mondpacanoj
fervore-sincere, ĉiam prave!

Antaŭen, kun la verda stelo
protestu kontraŭ plua armado,
ke forestu raketoj kaj bomb-kastelo –
obstine kontraŭstaru per batalado.

Estas survoje malfacila rolo,
sed ni batalos ĝis la fino –
Kiam alvenos la armilkontrolo
ne ploros plu beboj kaj patrinoj.

Verkis: **Daglas Kor' ami**

# IOM PRI ESPERANTO KAJ LA EŬROPA KOMUNAĴO

Kiel ni ĉiuj scias, de la unua de januaro 1986, Hispanio estas plenrajta membro de la Eŭropa Komunaĵo. La vojo ĝis ĉi tiu dato estis longa, ĉar la unuaj paŝoj por komunaj interrilatoj devenas de la jaro 1964 kaj plej firme de la 1970, kiam Hispanio subskribis kun la E.E.K. (Ekonomia Eŭropa Komunaĵo) la unuan preferan ekonomian kunvenon.

Sed estis kun la alveno de la demokratia sistemo en nian landon, kiam formale Hispanio petas la eniron en la komunaĵon, poste akceptitan de la Eŭropa Komisiono la 29an de novembro de 1978, kaj malfermante la vojon por longdaŭraj interdiskutadoj pri plej konkretaj punktoj, alvenis al la dezirata celo: la subskribo la 12an de junio de la Traktato en Madrido, ratifita poste de ĉiu Ŝtato membro de la E.K. Do, du novaj membroj apartenas jam al la nuna ekonomia kerno de Eŭropo. t.e. Hispanio kaj Portugalio, kiuj unu plian fojon, vole nevole, havas komunan horizonton.

La E.K. kun siaj 12 membroŝtatoj antaŭvidas atingi iam... ion pli gravan ol la ekonomia forto, kaj ĝi jam ekpensas pri la ebleco atingi pli fortan politikan unuecon, malgraŭ ĉia malfacilaĵo.

Oni multe parolas pri la konkretaj celoj de la E.K. rilate la membrojn, kaj kompreneble, por ni hispanoj, estas interesa ĉiu ero de la komuna politiko, al kiu iom post iom nia leĝaro devos adaptiĝi. Sed, por ni esperantistoj estas alia problemo kiun ni tre bone konas, kiun la E.K. ankaŭ konas, sed pri kiu apenaŭ neniam oni parolas: la tradukproblemoj.

Dum la Unuiĝintaj Nacioj uzas nur 6 oficialajn lingvojn por 159 membroj, la E.K. agnoskas la egalecon de ĉiu lingvo de la Komunaĵo, kaj kvankam tio estas pli ĝusta kaj nediskriminacia, la problemoj kaj kostoj de tiu decido estas teruraj.

En la nova Komunaĵo, kun 12 Ŝtatoj, oni devas uzi egalrajte naŭ laborlingvojn, kaj ĉefe de la momento kiam Greklando kaj Danio eniris en tiun kernon, la malfacilaĵoj por trovi tradukistojn de la menciitaj lingvoj komenciĝis. Tiel, por la nuna jaro, la Komunaĵa buĝeto antaŭvidas 434 oficialajn tradukistojn sciantajn almenaŭ po du aŭ tri lingvoj, nur por la **Komisiono** (kies funkcio estas ektrakti kaj funkciigi la komunaĵajn aferojn) kaj 170 por la **Asembleo**, kun la tasko traduki parole, ĉar aliaj devas traduki skribe la koncernajn dokumentojn.

La traduka branĉo de la buĝeto prezentiĝas do grava kaj multekosta. Ĉu iam almenaŭ nia malnova Eŭropa ekpensos pri la utileco de Esperanto? Kompreneble oni ne povas pensi pri la ebleco uzi nian Internacian Lingvon por laborado, ĉar la celo ne povas esti akcepti alian kroman lingvon, kaŭzantan novajn elspezon, tradukistojn ktp nek oni povas imagi, ke ĉiu reprezentanto de Ŝtato lernu Esperanton por paroli en la Konferencoj, ĉar tio estas nereala revo... sed eble ni povus trovi novajn alternativojn. Eble oni devas klopodi, ke Esperanto estu unue agnoskita kiel jam dufoje faris (UNESKO) kiel "valora" por poste ricevi kaj kunligi la diverslingvajn dokumentojn kaj prezenti ilin en Esperanto al iuj konkretaj organoj, kiel ekzemplo la nomata KOREPER (konstanta reprezentanta Komitato) de la 12 membroj de la Eŭropa Ministeria Konsilio, kiu antaŭvidas, preparas kaj prezentas al la Ministerioj de la 12 Ŝtatoj, la taskojn aprobindajn aŭ diskutindajn por posta aprobo. Nur komencante per unu el la organoj oni povos poste disvastigi la agadkampon.

Sed... ne revu esperantistoj. Ankaŭ ĉi tio dependas ne nur de la aliaj, sed de ni mem. Se ni havas kapablecon prezenti Esperanton en nia propraj landoj, kaj nun la motivo estas grava, la **Centjariĝo de Esperanto**, certe signifos la unuan paŝon por la Eŭropa agnosko de la valoro de nia lingvo, kaj bedaŭrinde ĝis nun, kaj tio montras ion je nia favoro, nur la hispanoj sukcesis, ke nia plej alta reprezentanto, nia Reĝa Moŝto Johano Karolo la 1a akceptis eniri en la Honoran Jubilean Komitaton de U.E.A. Kio okazas? Ĉu aliaj ne sukcesis prezenti tiun proponon al siaj altrangaj aŭtoritatuloj, ĉu ili ne konas la taŭgan vojon, aŭ oni lasas la aferon por la lasta momento?

La sukcesoj ne estas atingeblaj sen peno kaj laboro. Permesu ke nun, mi gratulu la membrojn de la L.K.K. de Madrido, kiuj jam laborante por la Jubilea Kongreso atingis tion.

**M.R. Urueña**

---

## DEZIRAS KORESPONDI

18 jara hungaro, interesiĝas pri muziko kaj libroj.
Autal Turzó – ZSOMBÓ, Felszabadulás 70 – H-6792 Hungario.

Junulo, 23 jara, ŝatas legi sciencajn fikciojn, vojaĝi kaj ekskursi.
Szabó Sándor. BUDAPEST – 1041 Titó 50 I/5 Hungario.

Kun junaj gehispanoj, kiuj povus helpi lin lerni la hispanan lingvon.
David J. Cannon P.O. Box 35-403 BROWNS BAY – Auckland 10 New Zeland, 1310.

## INTERNACIE

### PARIZO

En la ĉefsidejo de UNESKO okazis la pasintan 16an de decembro la **ceremonio** en kiu Universala Esperanto-Asocio, trandonis al la Ĝenerala Direktoro, s-ro M' Bow, la premion ZAMENHOF.

Bulgara MEM-sekcio volas organizi internacian ekspozicion sub provizora titolo: "Esperanto kaj popolarto – pontoj de amikeco inter la nacioj". Ni planas ĝin kiel eron de bulgara semajno de internacia amikeco. Informas: F-ino Veneta Baleva: 1463 SOFIO Ŝandor Petjofi, 47. Bulgario.

**Venezuela Esperanto-Asocio** (VEA) organizas Internacian Festivalon pri Turismo, Komunikado kaj Kulturo de la 11a ĝis 19a de oktobro, 1987.

**SVISA RADIO INTERNACIA.** Esperanto-fako anoncas siajn esperantaj elsendoj laŭ horaro kaj frekvencoj, kaj deziras la konfirmon de la ricevo kaj ties kvalito.

## PERADO DE REVUOJ

### HEROLDO DE ESPERANTO

La plej ofta kaj populara gazeto de la internacia Esperanto-Movado. 17 numeroj jare, granda formato. Abonprezo por 1987: 1450 p-toj.

**"Paco"** organo de Mondpaca Esperantista Movado (MEM). 6-8 numeroj jare. "Anton Balagué", bulteno de Hispana Esperantista Asocio "Antón Balagué", aperas kvarfoje jare. Abonprezo por ambaŭ gazetoj 1250 p-toj.

Bonvolu pagi per poŝta mandato al: s-ro Luis Serrano Pérez. Font Nova 32. 08202 SABADELL.

## NOTOJ

La 4a Andaluza Kongreso de Esperanto nomigis delegiton de AEU en Katalunio al s-ro Víctor Ruiz Rodríguez, granadano loĝanta en Barcelona, aktula sekretario de HEF.

**LIBROSERVO DE H.E.F.** Apartado 119.– 47080 Valladolid, eldonis "Katalogon de Libroj, oct. 86a dudekpaĝan, kun enkonduko de Luis Hernández. Ĝia enhavo ampleksas 30 temojn.

# RECENZOJ

*BORGES, Jorge Luis, (kaj aliaj)*
*"SFEROJ – 4"*
*Eldonis: Grupo Nifo*
*BARCELONO, 1986.*

Dekunu sciencfikciaj rakontoj el diversaj aŭtoroj, inter kiuj elstaras la nomoj de la argentinia Borges kaj la sveda Lagerkvist, ambaŭ mondkonataj verkistoj.

Rakontoj interesaj, plenaj de movo kaj fantasio, venantaj el diversaj lingvoj kaj esperantigitaj de ekspertaj tradukistoj. Do, al la specifa valoro de la verketoj, oni devas aldoni tiun de la esperantaj versioj, kun riĉa varieco en leksiko, vortkunmetitaj formoj (en la nordeŭropaj originalaĵoj) kaj ankaŭ en sintakso.

Ĉi tiuj elementoj, kreitaj de mensoriĉaj verkistoj kaj tradukitaj en esprimivan esperanton, oferas agrablan legadon el vidpunkto samtempe literatura kaj lerniga.

**JES**

---

**"PLEDO por unueca lingvo"**, Rikardo Ŝulco. Esperanto-Centro paderbon, 1985. 290 paĝoj. Formato 21. 14. Kartonbindita. Prezo 1800 p-toj.

Jen esperantologia verko el la analiza skolo de Ludoviko Mimo. La libro estas bone presita, preskaŭ lukse kaj ĝi, kiel elmontras la titolo, estas pledo por unueca lingvo. Kvankam la verko koncenas precipe la longan diskutadon pri **ata-ita** kaj la argumentoj de la aŭtoro ne akordiĝas kun tiuj de la Akademio de Esperanto, tamen ĝi enhavas seriozan analizon de la dirita temo. Krome estas grava studo, el 50 paĝoj, pri la esperantigo de personaj kaj geografiaj nomoj, speciale pri la transkribo de virinaj propraj nomoj kun longa listo da ili. Tiu temo ne multe estas traktata de la esperanto-lingvistikistoj kaj, kvankam ne unuaranga, ĝi restis kiel nesolvita problemo. La konkludo de la aŭtoro estas, ke la propraj nomoj de Esperanto ne estas problemo. Leginte tiun altnivelan studon, ni opinias, ke pri tio la aŭtoro pravas.

**G.M.E.**

# MINISTERIO DE EDUCACION Y CIENCIA

**22454** *RESOLUCION de 13 de septiembre de 1984, de la Dirección General de Enseñanzas Medias, por la que se complementa el punto quinto de la Resolución de la Dirección General de Ordenación Educativa de 4 de julio de 1975, relativo al segundo idioma moderno.*

La normativa reguladora de los vigentes planes de estudios de Bachillerato y Curso de Orientación Universitaria prevé la posibilidad de que se implanten en los Centros enseñanzas de un segundo idioma moderno, con carácter opcional para estos y voluntario para los alumnos, y con un horario máximo de tres horas semanales en cada uno de los cursos.

La circunstancia, no obstante, de que el horario general del primer curso de Bachillerato tenga asignado actualmente un horario de treinta y tres horas semanales y la exigencia legal de que el horario máximo de trabajo de los alumnos de Bachillerato no supere las treinta y tres horas semanales, contenida en el punto 5 del artículo 27 de la Ley General de Educación, limitan, de hecho, a los cursos segundo, tercero y COU la posibilidad de implantar estas enseñanzas, teniendo que asignarse, en cualquier caso, al segundo curso un horario de dos horas semanales.

Aunque en el período de vigencia de los actuales planes de estudios sólo muy esporádicamente se ha solicitado por los Centros la implantación de un segundo idioma extranjero, en estos últimos cursos han venido incrementándose las peticiones de esta autorización, todo ello debido al creciente interés de los alumnos por iniciarse en el aprendizaje de un segundo idioma extranjero, cada vez más necesario en su formación académica y profesional.

En su virtud, y con el fin de favorecer estos intereses y dar, al mismo tiempo, a estas enseñanzas la seriedad e importancia que, aun en su condición de voluntariedad, merecen y reclaman, esta Dirección General ha resuelto:

1. Los Centros de Bachillerato que deseen impartir enseñanzas de segundo idioma extranjero, deberán solicitarlo de la Dirección General de Enseñanzas Medias, antes del comienzo del curso académico. Las solicitudes, que se tramitarán a través de la Dirección Provincial correspondiente, se harán a propuesta de los Seminarios respectivos de Idioma extranjero y de conformidad con el Claustro y el Consejo de Dirección o, en su caso, el Consejo de Centro. A dicha petición se adjuntará la programación de estas enseñanzas para cada uno de los cursos




ESPERANTO
AEIOU

**LERNOLIBRO POR INFANOJ**
VERKITA DE JOSE AÑO BELDA
PREZO 600 PESETOJ. MENDEBLA ĈE LIBRO-SERVO DE HEF, POŜTKESTO 119, 47080 VALLADOLID.
AŬ REKTE AL LA VERKISTO J. AÑO BELDA, CASTIELFABIB 18, 3° 10° 46015 VALENCIA

E. TUDELA FLORES

VOCABULARIO
ESPERANTO-ESPAÑOL

PRIMERA EDICIÓN

VALENCIA 1959

VOCABULARIO
ESPERANTO – ESPAÑOL
DE E. TUDELA FLORES
**REELDONITA OKAZE DE LA JUBILEA JARO**
ĜI ENHAVAS PLI DA 19.000 VORTOJ. PREZO 700 PEZETOJ.
MENDEBLA ĈE: LIBRO – SERVO DE HEF, POŜTKESTO 119,
47080 VALLADOLID